# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f  G r o e b e l ,
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poštĉekkonto: Köln 37957

N-ro.11/12 Novembro - Decembro 1926 3.jaro.

## L A S T A  I N F O R M O.

La „lastan alvokon" sekvas tiu ĉi „lasta informo." Ekde 1.1.27. ĉiuj sekcioj de AMIKECO estos malstarigitaj - krom la plej nova sekcio „ESPERANTO-FOTO", kiu estos daŭrigata kiel memstara entrepreno. La regularon de ESPERANTO-FOTO vi trovas sur la internaj paĝoj. Se ĝi interesas vin, ni estas pretaj daŭrigi la kunlaboron kun vi. Speciala kotizo nun ne estas dezirata.

Al ĉiuj niaj anoj kaj eksanoj ni sincere rekomendas, ke ili aliĝu al EFIKA pri kiu ili ricevos prospekton kune kun specimena numero de la KOLEKTANTO, organo de EFIKA. Per intertraktado kun la nomita organizaĵo ni sukcesis atingi t r e favorajn kondiĉojn por tiu anoj kaj eksanoj de AMIKECO, kiuj aliĝos al EFIKA antaŭ 1.2.27, kaj ni esperas, ke ĉiuj koncernatoj ne malatentos tiun komplezemon de la estraro de EFIKA.

Al ĉiuj fidelaj anoj de AMIKECO ni deziras ĝojan Kristnaskofeston kaj feliĉan novan jaron. Ni daŭrigos la laboradon per kaj por Esperanto sur alia kampo, fidelaj al la Zamenhofa ideo!

Kun samideanaj salutoj!

La estraro.

ESPERANTO-FOTOSERVO

Redaktoro: Josef Groebel
Koblenz/Rh. Eltzerhofstr.5
Germanlando

x x x x x x

Koblenz, dato de la poŝtstampo.

Estimata samideano!

La Esperanto-Fotoservo (Esperanto-Foto) daŭre bezonas aktualajn fotografaĵojn (Novaĵoj de l' tago) por publikigo en ĵurnaloj kaj gazetoj. Por la liverado de tiuj fotoj ni serĉas kunlaborantojn en ĉiuj landoj. Ĉiu kunlaboranto devas konsenti la sekvantajn kondiĉojn sen escepto kaj agi laŭ ili:

1.

Estas permesato alsendi nur tiajn fotojn, kies aŭtorrajton la alsendanto posedas, t.e. kiujn li mem fotografis.

2.

Per la alsendado de fotoj devas esti koncesiita al ni la rajto publikigi ilin en ĵurnaloj kaj gazetoj.

3.

Al ĉiu sendaĵo estu aldonata internacia respondkupono kiel resenda pago, ĉar alie ni ne garantias por la resendo de neuzataj fotoj.

4.

Ni povas uzi 6-8 kopiojn de la sama speco kaj pagas por ĉiu per ni publigita foto honorarion de ĉ. 4,00M= 1 dolaro usona, por precipe bonaj ekzempleroj ankaŭ pli multe.

5.

Al ĉiu foto estu aldonata konciza priskribaĵo Esperantolingva.

6.

Se la alsenditaj fotoj jam estas forsenditaj al alia[j] redakcio[j], la adresoj de la redakcioj devas esti sciigataj, por ke neniu redakcio ricevu la saman foton dufoje.

7.

La alsendado de la fotoj ne devigas nin al io. Neuzeblaj kaj nepublikigitaj fotoj estas resendataj.

8.

Ĉiuj fotosendaĵoj estu sendataj per la plej rapida maniero al la adreso de la redaktoro J. Groebel, Eltzerhofstr.5, Koblenz, Germanlando.

Ni esprimas la esperon, ke ni povos saluti ankaŭ vin baldaŭ kiel kunlaboranton kaj

subskribas kun Esperanto-saluto altestime

Redakcio de la Esperanto-fotoservo.



## M I C H E L kontraŭ S E N F .

Laŭ la „Postmarko" okazis jug'a disputo inter la du katalogfirmoj Michel kaj Senf.

Michel akiris provizoran disponon, kiu malpermesis al la firmo Senf jenajn faktojn: La Senfkatalogo estas la unika vere uzebla katalogo; ĉe ĉiuj aliaj katalogoj io mankis en tiu aŭ alia punkto, ĉe kelkaj eĉ en multaj punktoj. [La jug'istaro evidente ne sufiĉe konis la preskritikojn koncerne la Michelkatalogon, precipe lian malutilan prezpolitikon, alie g'i ne estus doninta tiun-ĉi provizoran disponon.]

Tiam Senf efikis jenan disponon kontraŭ Michel: Al li la aserto estas malpermesata, ke la prezoj de Michel estas mezuraj por la tuta markokomerco kaj ke la Michelkatalogo prave estas nomata kiel gvida markkatalogo.



## L E Ĝ O D O N O .

La greka filatelista klubo [Elliniki Filoteliki Eteria] skribis al ministraroj de la financoj, interkomuniko kaj instruado kaj petis por leg'o, laŭ kio la farado kaj fordonado de falsaj markoj ĉiuspece estas punota. La greka registaro petis la klubon, prezenti leg'projekton, laŭ la intencoj kaj deziroj de la klubo

Je kio oni povas koni la Danzigajn oblikve presitajn falsaĵojn?

Falsaĵoj de la surpreso estas anoncitaj pri jenaj valoroj. Eldono de 30 8.20 2,2½,3,7½,30, 50 Pfg. kaj de tiel nomitaj internservizmarkoj 60 Pfg. 1, 2M. La ĉefaj ekkonaj rimarkiloj de la plej konataj falsaĵoj estas jenaj: Danzigaj falsaĵoj: ŝtono - anstataŭ libropreso, surpreso senbrila, trabanguloj rondigitaj, Frankfurtaj falsaĵoj: libropreso kiel ĉe la originalo, sed tamen trabrokrado ne el oblikvaj linioj, sed kunmetita per malgrandaj kvadratoj. La trabo ĉe la falsaĵoj estas la negativo de la originala trabo.

Ankoraŭ aliaj falsaĵoj estas konataj de ni, pri kiuj hodiaŭ ni povas diri nenion, ĉar la rezultatoj de la kriminalpolico ne jam estas finitaj. La plej multe da falsaĵoj estas senvalorigitaj per Danziga originalstampilo, por „pli malfalse" aperigi ilin.

*

La norvegaj polusflugmarkoj.

La multe disputita Amundsen bonfareca serio nun estas metata je vendo al komercistoj per la flugkomitato. La Senf-katalogo sciigas, ke 1/5 de le eldono venis al la poŝto, sed la prospekto de la komitato raportas, ekzemple de la 5 Oere jenajn ciferojn Tuteldono 357000 per la poŝto kaj per ni venditaj 73000. Nia resto 284400. Simile estas ĉe la aliaj valoroj, tial evidente pli multe ol 1/5 alvenis al la poŝto, aŭ plej malmulte 1/5 tie ne estas uzita

N O V A  A D R E S O .

S-ro G. H. W. Cotè, reprezentanto por Nederlando antaŭe: Weerdsingel W. z. 56, Utrecht, nun: Catharynesingel 6 bis, Utrecht.